23a Jaro - No 6 (244) Jara Kotiz-Abono Fr. 35,– Junio 1937a

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

DIREKTORO:
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

Oficiala Organo de
Reĝa Belga Ligo Esperantista

Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.36

ANTVERPENO MORTIS

# La XXVIa brilege vivis sian mallongan Vivon

**Tutkore kaj plenanime mi kunvivis la XXVI-an.**

**En la proksima numero, mi diros miajn konkludojn al vi, Kara Leganto. Sed tiun ĉi monaton mi petas la permeson ne skribi ĉefartikolon, kaj lasi la parolvicon al aliaj.**

**Al ĉiuj tamen koran dankon.**

**Maur. JAUMOTTE.**



La oficiala fotografaĵo de la kongresanoj.

Pluvis sur la urboj kaj kamparo, kiam la plimulto el la Kongresanoj forlasis siajn hejmojn por veturi Antverpenen.

Pluvis same sur la Skeldurbo, kiam Sabate posttagmeze la unuaj grupoj alvenis en la Kongresejon. Sed baldaŭ la nuboj forŝoviĝis kaj la unuaj programeroj povis okazi se ne sub hela, almenaŭ sub seka ĉielo.

Post kiam ĉiuj estis en la akceptejo ricevintaj el la manoj de S-inoj Schoofs kaj Jaumotte kaj F-ino Morrens la kovertojn, kiuj estis tie en bona ordo kunigitaj kaj kiuj enhavis ĉion, pri la kongreso, kaj estis momente babilintaj kun la membroj de la LKK i.a. kun S-roj Jaumotte, prezidanto, Boffejon, vicprezidanto, Faes, sekretario, Van Dijck, kasisto, De Hondt kaj Vermandere, delegacio foriris aŭtomobile al la enterigejo de « Schoonselhof » por florumi la tombon de Frans Schoofs.

Tiu delegacio konsistis el S-ro Kempeneers, prezidanto, F-ino Yvonne Thooris, vicprezidantino, S-ro Jaumotte, ĝenerala sekretario, S-inoj Staes kaj Kempeneers, de la Brusela kaj Geroj Van Roye, de la Bruĝa Grupo.

En la enterigejo, F-ino Thooris diris kelkajn vere kortuŝajn parolojn, en kiuj ŝi promesis ke ĉiuj ni sekvos la ekzemplon, kiun donis nia kara pioniro kaj gvidinto kaj staros ĉiam apud lia kara edzino kaj lia knabo Leon.

Mem ĝis larmoj kortuŝita F-ino Thooris meze de la silento, demetis florgarbon sur la tombo, post kiam ĉiuj ĉeestantoj respekte salutis la tombon.

### ĈE LA MONUMENTO AL LA MILITMORTINTOJ.

La delegitaro tuj prenis la vojon al la centro de la urbo kaj je la kvina ekzakte renkontis antaŭ la Nacia Banko la aliajn Kongresanojn, kiuj venis de la akceptejo.

La ceremonio estis tutsimpla. Ĉiuj grupiĝis antaŭ la monumento. S-roj Kempeneers, prezidanto de Reĝa Belga Ligo Esperantista, kaj Jaumotte, prezidanto de la LKK, tiam antaŭeniris. S-ro Kempeneers demetis belajn florojn kaj ambaŭ restis dum momento silente klinitaj.





**Maldekstre: la delegacio de la Kongreso, ĉe la tombo de Frans Schoofs, dum F-ino Thooris paroladas. — Dekstre: S-roj Kempeneers, prezidanto de Reĝa Belga Ligo Esperantista, kaj Jaumotte, prezidanto de la LKK, kliniĝas antaŭ la monumento al la militmortintoj.**

### GENERALA LABORKUNSIDO.

Grupe ĉiuj tiam kune promenis al la Willemsstrato, kie okazis mallonga vizito al la bela magazeno de « Belga Esperanto-Instituto » kaj post tio, ĉiuj tra la urba parko direktis sin al «Witte Leeuw» kie okazis ĝenerala laborkunsido.

S-ro Jaumotte bonvenigis ĉiujn en Antverpeno kaj donis kelkajn klarigojn pri la okazontaĵoj.

S-ro Kempeneers tiam priparoligis la statuton de IEL. Tio ekigis kelkajn demandojn nome de S-ro De Ketelaere, kiu kaptis la okazon por atentigi ĉiujn pri la fakto ke lia forlaso de la posteno de Ĉefdelegito, tute ne rilatis al la starigo de IEL kaj ne povis rilati al ĝi, ĉar IEL ne jam ekzistis je la momento kiam li, dum la Kongreso de La Louvière, eksiĝis el sia funkcio. Li cetere plene aprobas la laboron de IEL.

S-ro Bas, tiam donis klarigojn pri propagando kiun R.B.L.E. intencas fari, okaze de la veno al Belgujo de centoj da malfeliĉaj hispanaj infanoj. Paŝoj estos farataj apud la oficiala komitato, por ke per Esperanto oni povu plifaciligi la alprenon de tia infano en privataj hejmoj.

S-ro Bas kalkulas je ĉies helpo kaj esperas ke niaj fremdaj amikoj post reiro al sia lando, ekklopodos starigi tie similan agadon.

Post diskuto pri la kunmeto de la administrantaro S-ro Kempeneers fermis tiun kunsidon kiu estas sekvata de kunveno de la administrantaro mem.

### KUNVENO DE LA ADMINISTRANTARO.

Dum tiu mallonga kunsido, oni elektas la estraron de la Ligo.

Sekve al lia peto, estas akceptata la eksiĝo de S-ro Cogen el lia funkcio de vicprezidanto. Li estos anstataŭata de S-ro Jaumotte.

La funkcio de ĝenerala sekretario vakos. Oni dividos la laboron inter la tri sekretarioj kaj post unu jaro oni vidos ĉu tiu labormaniero estas bona.

S-ro Tassin estas konfirmata en la funkcio de kasisto, kiun li akceptis tri semajnojn antaŭe.

La Prezidanto tiam proponas ke S-ro Cogen konservu la rajton je la titolo de « emerita vicprezidanto ».

Ĉar la « konstantaj komitatanoj » forfalis en la nuna estrado de la Ligo, li ankaŭ proponas ke S-ino Elworthy povu porti la titolon de « emerita administrantino ».

### GRANDA KABAREDVESPERO.

Kaj restis ĵus la tempo al niaj gvidantoj rapide manĝi ion en apuda restoracio kaj tuj iri al la bela salono « Chatelet ».

Granda marmora enirejo kondukas al la vestejo kaj poste al tre alloga salono kun spaca scenejo.

Ĉe la eniro G-roj Jaumotte en vesperaj festvestaĵoj kun verdaj ornamaĵoj kaj kun verdaj alt-ĉapeloj tuj montras al ĉiuj en kiu spirito ili estas petataj eniri.

Speciala mult-instrumenta muzikisto krom-helpas por tuj krei en la salono la kabared-atmosferon.

Multegaj kongresanoj jam ĉeestas kaj baldaŭ havos la okazon ĝui tre belan, sukcesan programon.

Se la Antverpenaj amatoroj sin prezentas por la unua fojo antaŭ la publiko, oni pri ili povas diri, ke ili nepre volis tion fari en plej bela formo.

La unua numero estas kunkantaĵo, laŭ ario « Madame la Marquise », de la Kabaredaj « Knaboj » S-roj Ameryckx, De Hondt, De Schutter, Faes kaj Vermuyten, sub la konduko de F-ino M. Jacobs.

Ĉiuj ĉeestintoj estis invitataj kunkanti la rekantaĵon, kies versoj aperis sur granda tuko:

> Ne timu do Sinjoro Prezidanto
> Troviĝis jam bona rimed'
> Se estas tru' en la Kongresprogramo
> Vin turnu al la Kabared'
> Ĝi per deklam', humor' kaj kanto
> Ĉiujn allogos al Kongres'
> Kaj tiel helpos al la propagando
> La Esperanto-kabared'.

Tiam ni aŭdis humoraĵojn de S-ro Willy De Schutter, kiu estos ankaŭ la «speaker» dum la tuta vespero, anoncos ĉiujn numerojn kaj kaptos la okazon por ĉiufoje rakonti mallongan spritaĵon.

S-ino Faes kaj S-ro Ameryckx zorgis pri tre belaj individuaj piano- kaj kantnumeroj, kiuj akiris belan sukceson.

Krome la programo antaŭvidis tri malgrandajn aktojn: « La Kolbasoj » de S-ino J. Van der Veken-Van Bockel, en kiu F-ino Jacobs, S-ino Ameryckx, S-ro Faes kaj F-ino Rickson alias S-ro Ameryckx, havis okazon montri veran talenton; «Mensogeto» de S-ino L. Faes-Janssens, en kiu F-inoj M. Hofkens kaj J. Van Eeckhoven kaj S-roj Ameryckx kaj Sielens, siavice, sukcesis altiri la atenton kaj havigi al si aplaŭdegon.

Aparte ni volas paroli pri la tria akteto « La Grafo mortinta », malnova hispana legendo, tradukita kaj prilaborita de Jaum Grau Casas, kaj por kiu S-ro Faes kunmetis plej belan akompan-muzikon. Tiu duo, prezentita de F-ino Maria Jacobs kaj S-ro H. Vermuyten, estis vere arta kaj impresiga. La parodio prezentita tuj pos-

te de F-ino Hofkens kaj S-ro Ameryckx, laŭ teksto de S-ino Faes tuj kreis ŝanĝon de la atmosfero.

Aldonu ni ke S-ro Vermuyten deklamis krom ĝenerala prologo ankaŭ prologon kaj epilogon por « Mensogeto », kaj montris en tiuj numeroj ne nur sian deklaman sed ankaŭ poetan talenton.

Je la fino, S-ro Jaumotte suprenirinte la scenejon disdonis kun floroj al la sinjorinoj ankaŭ plenlaŭdajn vortojn al ĉiuj partoprenintoj. Li ne forgesis ankaŭ danki S-inon Van der Veken-Van Bockel, la gvidintinon, kiu ankaŭ estis ludonta rolojn, sed kiu lastmomente devis esti anstataŭata.

La karakterizo de tiu ĉi spektaklo estis ke ĉiuj numeroj, tamen tute diferencaj laŭ spirito kaj enhavo, sekvis unu la alian, sen ia interrompo, kaj prezentiĝis kiel kompleta vesperprogramo.

La aplaŭdoj kiuj sekvis ĉiun numeron montris ke ĉiuj ĝuis la ludadon kaj estis en la plej bona atmosfero kiam tuj poste komenciĝis vigla dancparto al kiu ĉiuj partoprenis plenanime.

### DIMANĈMATENE.

Dimanĉmatene, okazis en la ĉefpreĝejo Di-servo kun bela prediko en Esperanto, de Pastro J. De Maeyer kiun la kongresanoj jam bone konas kaj kiu bonvolis fari al la kongresanaro tiun servon jam en diversaj antaŭaj kongresoj.

Tuj poste ĉiuj kunvenis antaŭ la enirejo kaj post kelkaj klarigoj de la prezidanto de la LKK pri la ĉefpreĝejo, pri la forĝisto-pentristo Quinten Metsys kaj poste pri la statuo de Brabo kaj la legendo pri Antverpeno, ĉiuj eniris la Urbdomon, kie ilin atendis s-ro Jules Somers, skabeno, kun kelkaj komunumaj konsilantoj.

S-ro Jaumotte prezentis la kongresanojn. Tiam D-ro Kempeneers dankis la urbestraron pro la akcepto. Li memorigis pri la fakto ke en tiu ĉi sama salono jam diversfoje estis akceptataj kongresanoj tutmondaj kaj inter ili D-ro Zamenhof, nia Majstro.

Li memorigis ankaŭ pri la ora jubileo de nia lingvo kaj pri la 30-jara ekzisto de la Reĝa Esperanto-Grupo «La Verda Stelo» starigita de Fr. Schoofs kaj kelkaj amikoj. Inter la plej malnovaj Antverpenaj samideanoj li citis S-ron Ritschie kaj S-inon Elworthy-Posenaer.

Li esprimis la esperon ke la urbestraro de Antverpeno uzos Esperanton por la pli bona komprenigo de la multaj fremduloj kiuj loĝas en nia havenurbo.

La Skabeno respondis kaj dankis por la bonaj vortoj kiujn la Prezidanto direktis al la urbestraro. Li promesis ke li insistos apud lia kolego de la publika instruado pri la eventuala instigo al instruado de Esperanto al la fremdaj infanoj

Li en tre afablaj vortoj parolis pri « La Verda Stelo » kaj ĝia prezidanto; li memorigis ke Frans Schoofs, ne nur laboris sur la Esperanto-kampo sed eĉ dediĉis sian ordinaran vivon al alta celo, la konstruo de loĝejoj komfortaj por la laboruloj; rememorigis ke S-ro Ritschie estis la direktoro de la urba oficistaro kaj en tiu funkcio ankaŭ multe faris por Esperanto apud la aŭtoritatuloj, kaj finis per bela laŭdo de nia lingvo.

S-ro Jaumotte tuj faris la tradukon de tiu flandre dirita parolado, kaj tiel kaptis la okazon por montri al la skabeno la taŭgecon de nia lingvo.

Vizito kun klarigoj al la diversaj salonoj de la urbdomo, fotografado antaŭ la urbdomo, kaj for ĉiuj iris por promenado tra la malnovaj kvartaloj de la urbo kaj tiel ree al la centro, por la fotografado sur la ŝtuparo de Operdomo.



**La kongresanoj, post la akcepto en la urbdomo. Meze de ili, S-ro Jules Somers, la skabeno, kiu ilin akceptis.**

### LA SOLENA KUNSIDO.

La oficialan raporton de la sekretarioj pri tiu ĉi ĝenerala kunsido de Reĝa Belga Ligo Esperantista, dum kiu oni festis la Antverpenan Esperanto-Grupon «La Verda Stelo», la pionirojn S-ron Cogen, kaj S-inon Elworthy kaj la malnovajn samideanojn kiuj jam dum kvaronjarcento estas en la movado, aperos en la vekvanta numero.

### KOMUNA TAGMANĜO.

Aprobinda novaĵo en tiu ĉi kongreso estis la komunaj manĝoj, kiujn preskaŭ ĉiuj kongresanoj ĉeestis kaj kiu estis la plej bela okazo por multaj, interkonatiĝi kun ĝis tiam nekonataj samideanoj.

La dimanĉa tagmanĝo okazis en bela salono de la « Restoracio Roxy » kaj inter la diversaj manĝoj, kelkaj infanoj de Antverpenaj Esperantistoj, deklamis kaj kantis. Inter ili estis F-ineto Stella kaj S-eto Hugo Vermuyten, S-eto Willy Boffejon, F-inoj Hilda kaj Maria Van Dijck, Cecile Faes, S-retoj Jan Faes kaj Henri De Hondt, kiuj en apartaj numeroj kaj en kunkantaĵoj varme aplaŭdiĝis sin

S-eto Roger Jaumotte legis poste leteron, kiu klarigis la kialon de la manifestacio de la infanoj. Li sin turnis al F-ino Thooris dirante :

> « Jam de longe vi esprimis la deziron vidi la infanojn de la Antverpenaj Esperantistoj.
>
> Hodiaŭ vi vidis kelkajn el miaj amiketoj kiuj deklamis kaj kantis. Ili tion faris ĉar ili esperis ke tio estus agrabla al vi, kiu tiel ofte sendis salutojn al ili en leteroj al iliaj gepatroj.
>
> Ni ne multe faris. Ni ne jam multe kapablas fari. Sed ni tamen esperas ke tio plaĉis al vi.
>
> Bonvolu akcepti Fraŭlino Thooris, tiujn kelkajn florojn kiel danko de la Antverpenaj geknaboj. »

Kaj dume F-eto Stella Vermuyten kun S-eto Henri De Hondt donacis al F-ino Thooris belan florgarbon.

Tiel finiĝis en plej entuziasma atmosfero manĝo, kiu okazis sen ia oficiala karaktero

**VIZITOJ.**

Kaj denove estis tempo por foriri. Diversaj vizitoj estis organizataj.

S-ro Faes gvidis grupon al la Zoologia Ĝardeno, dum S-ro Jaumotte, kondukis grupeton al la Muzeo Plantin kaj poste tutan grupon al la « Elisabethville », kiun la kongresanoj rajtis senpage viziti.

**LA FESTENO.**

Novaĵo en la nuna kongresprogramo estis la festeno vespere antaŭ la Balo.

Evidentiĝis ke ankaŭ tio estis bona ŝanĝo.

La festeno okazis tiun ĉi jaron en plej bela salono, sur la dekdua etaĝo de la hotelo « Century Palace » la plej luksa de la Skeldurbo.

La ĝenerala aspekto de la salono, kun la belega panoramo sur la urbo, la bela aranĝo de la tabloj similis al vera feaĵo.

Ĉe la honortablo, sidis G-roj Kempeneers, F-ino Thooris, G-roj Jaumotte G-roj Cogen, G-roj Faes, S-ro Swinne, S-ino Schoofs, F-ino Jennen kaj S-ino Elworthy.

Rapide la bone preparitaj manĝaĵoj sekvis unu la alian kaj estis ankoraŭ frue kiam povis komenciĝi la serio de la toastoj.

La Prezidanto S-ro Kempeneers trinkis je la sano de la Reĝo; S-ro Faes toastis je l'honoro de la fremduloj kaj S-ro Hoen respondis al li plej vigle; S-ro Lodema diris la ĝojon de la sinjoroj, pro la ĉeesto de la sinjorinoj, kaj S-ino Schoofs dankis pro la afableco

Fine S-ro Poupeye dankis la LKK on kaj je la momento kiam S-ro Jaumotte volis danki, F-ino Thooris leviĝis por transdoni kun gratulvortoj al la grupo « Verda Stelo », plej belan memoraĵon de la « Bruĝa Grupo », nome belegan vitraĵon kunmetitan de S-ro Jéhansart. Dume S-ro Groothaert donacis florojn al S-ino Jaumotte.

Vere emociigita, S-ro Jaumotte dankis la du parolintojn: unue S-ron Poupeye, nome de la LKK. Al li li diris: «Gedane dingen hebben geen keer» .. aferoj pasintaj ne plu gravas... La Kongreso de Antverpeno jam preskaŭ estas for... Ni pensu do pri Charleroi.

Kaj al F-ino Thooris li respondis kun plej kora dankvorto al tiu Bruĝa Grupo kiu jam tiom faris por la Antverpena Kongreso kaj kiu nun ankaŭ faras belan donacon al la «Verda Stelo» okaze de ĝia jubileo.

Se tiu vitraĵo estas kompreneble montro de granda amikeco inter la du grupoj, S-ro Jaumotte volas tamen vidi en la gesto pli altan simbolon, tiun de la ĉiam kreskiĝanta frateco inter



**F-ino Marcelle BONGE, danc-artistino de la Monnaie-teatro.**

ĉiuj grupoj belgaj.

Kaj la parolanto finas per fajra, eksploda alvoko al la kunlaboro de ĉiuj al la starigo de novaj grupoj ĉie en la lando kaj al la plifirmigo, per plioftigo de iliaj rilatoj, de la jam ekzistantaj grupoj.

Kaj tiel ankaŭ tiu festo finiĝis en plej bela atmosfero.

**LA BALO.**

Ĉu ni povas paroli pri la finiĝo de festo, kiam la Balo tuj sekvis en la sama salono?

Balo belege sukcesinta dank' al la bonhumoro de ĉiuj certe, sed ankaŭ dank' al la kunlaboro de kelkaj bonvolemaj sinjorinoj kaj fraŭlinoj, inter kiuj ni citu unue la ĉarman F-inon Marcelle Bonge, artistinon de la dancistaro de la « Monnaie »-teatro, kiu bonvolis danci en plej belaj kaj specialaj kostumoj du dancojn, inter kiuj unu ne jam montritan de ŝi. Ŝi akiris nome tre grandan sukceson, prezentante « Diane » kaj « Bohema Danco ».

Aliflanke la malgranda, same ĉarma Monique De Vooght faris du belgajn dancojn: « Vekiĝo de la Kanario » kaj « Printempa Vizio ».

Al ambaŭ, S-ro Jaumotte transdonis belan florgarbon.

Tiam venis unu el la plej sukcesaj punktoj de la vespero: la Menueto Louis XV, dancita de tuta serio de membroj de « Bruĝa Grupo » en specialaj vestaĵoj el diverskolora silko kaj atlaso.

Partoprenis al ĝi S-inoj Van Vooren, Stroobant Verplancke kaj F-inoj Monique de Vooght, Devos, Meeuws, Mahieu, Volckaert kaj Huyghe.

Gratulante ilin ĉiujn, ni ankaŭ devas gratuli S-ron de Vooght, la dancprofesoron de la Bruĝa Grupo, kaj S-inon de Vooght, kiu akompanis ĉe la fortepiano

**LA LUNDA TAGO.**

Kaj kvankam estis jam... frue kiam ĉiuj enlitiĝis, multaj tamen estis akurate je la 9a h. 30, ĉe la eniro de la malgranda tunelo sub la Skeldo.

Ni ne priskribos tiun promenadon tra la tunelo, nek tiun sur la maldekstra Skeldo-bordo, kie baldaŭ, laŭ la espero de la Antverpenanoj, ekaperos



**La dancistinoj de la Bruĝa Grupo Esperantista, kun, meze de ili, F-eto Monique De Vooght kiu dancis, ankaŭ aparte.**



La « Wirtz »-ŝipo, per kiu efektiviĝis la ekskurso sur la Albert-kanalo.

nova urbo, tie, kie antaŭ kelkaj jaroj, estis nur sablo, kaj kie nun jam estas grandaj, larĝaj avenuoj, ankoraŭ ja sendomaj.

Por trairi la grandan tunelon, tiun por rapidaj veturiloj, la LKK venigis specialajn aŭtobusojn, kiuj kondukis la tutan kongresanaron, al la Centra Stacidomo, kie atendis speciale luita vagonaro, belaspekta, kun komfortaj metalaj veturiloj.

Je la duono antaŭ tagmezo, ĉiuj estis, en Liero, bonvenigataj de S-ro Coenen, kiu, kvankam ne-esperantisto, bonvolis gvidi la grupon tra la stratoj de la Nethe-urbeto.

Tuj ni iris al la urbdomo, kie S-ro Van Hoof, skabeno de Publika Instruado, akceptis nin.

S-ro Jaumotte, kiel vicprezidanto de Reĝa Belga Ligo Esperantista, alparolis la reprezentantojn de la urbestraro. Li diris, ke la organizantoj elektis por la lunda ekskurso Lieron, la tiel allogan urbeton, kiu kvankam ĝi konservas sian malnovan aspekton tamen adaptiĝas al la moderna vivo. Li memorigis pri la Liera pioniro Leflot kaj esprimis la esperon, ke ties laboro ne iĝos vana kaj ke baldaŭ nova grupo renaskiĝos en Liero. Li fidas, ke tiam la Esperantistoj ree povos fieri pri la apogo de la urbestraro.

S-ro Van Hoof, en tre bela paroladо bonvenigis la membrojn de « Belga Ligo Esperantista », kiu estas dufoje reĝa, pro sia titolo kaj pro sia honora prezidanto.

Li esperis, ke, post tiu duonjarcento da penadoj, la Esperantistoj fine trovos la finan venkon.

Li dankis pro la memorigo al la nomo de la amiko Leflot kaj firme promesis, ke la administracio de Liero, ĉiam laŭeble, helpos al la disvastigo de Esperanto.

Li invitis la ĉeestantojn, trinki kun li glason da vino.

Post kiam S-ro Jaumotte estis resume tradukinta tiun paroladon, oni forlasis la urbdomon, por iri al la Zimmertoren, kiun, en du grupoj, ĉiuj detale vizitis.

Kaj je la unua kaj duono, ĉiuj altabliĝis en bela salono « Casino », kie la vorto « Bonvenon », tuj alportis al ĉiuj la taŭgan atmosferon kaj la plej bonan apetiton

S-ro Cafonnette tie ĉi faris alvokon por la Kongreso de Charleroi kaj post S-ro Jaumotte, kiu, laŭrajte, estas la Kongresano numero 1, multaj aliaj jam tuj enskribigis sin.

Kaj rapide ĉiuj devis tiam ensalti la specialan vagonaron, kiu, jam de dudek minutoj atendis

Bouwel bela arbara regiono, en kiu ni faris tri-kvaronhoran promenadon, kun parto laŭlonge de la kanalo Albert, ĝis la enŝipiĝejo de la « Wirtz »-boatoj

S-ro Wirtz, persone, atendis tie la kongresanojn kaj, en malpli ol du horoj, la komforta ŝipo ankaŭ speciale luita por ni, atingis la Strasburgan dokon, kie ĉiuj havis ĵus la tempon por kuri al la specialaj tramveturiloj, kiuj rekondukis ĉiujn al la centro de la urbo.

Kaj tiam estis la disigo, — disigo iom abrupta, ĉar multaj devis jam urĝe iri al la stacidomo, nur malmultaj povis ankoraŭ, dummomente, kunsidi en « Witte Leeuw », kie S-ro Jaumotte faris lastan alvokon por la Kongreso de Charleroi, kun la vortoj « Antverpeno mortis! Vivu Charleroi!»

ĈEESTINTO.

# XXVIIa Belga Esperanto-Kongreso en Charleroi

UNUA LISTO DE KONGRESANOJ.

1. S-ro Maurice Jaumotte (Antverpeno)
2. S-ro Paul Kempeneers (Bruselo)
3. F-ino Thooris Yvonne (Bruĝo)
4. S-ro Tassin André (La Louvière)
5. S-ro Poupeye Charles (Bruĝo)
6. S-ro Léon Cogen (Ninove)
7. S-ro Hector Boffejon (Antverpeno)
8. S-ro Aug. Faes (Antverpeno)
9. S-ino Frans Schoofs (Antverpeno)
10. F-ino Antoinette Jennen (Bruselo)
11. S-ino Marguerite Jaumotte (Antverpeno)
12. S-ino D. Kempeneers (Bruselo)
13. S-ino Léon Cogen (Ninove)
14. S-ino Marg. Boffejon (Antverpeno)
15. S-ino Lucette Faes (Antverpeno)
16. S-ro Louis De Hondt (Antverpeno)
17. S-ino Jeanne De Hondt (Antverpeno)
18. F-ino Maria Jacobs (Antverpeno)
19. S-ro Vermandere Gust. (Antverpeno)
20. S-ino José Vermandere (Antverpeno)
21. F-ino Jeanne Loquet (Antverpeno)
22. S-eto Roger Jaumotte (Antverpeno)
23. S-eto Willy Boffejon (Antverpeno)
24. S-ro Leon Schoofs (Antverpeno)
25. S-ino Cécile Faes (Antverpeno)
26. S-ro Jan Faes (Antverpeno)
27. S-ino Felicie Staes (Bruselo)
28. F-ino S. Obozinski (Bruselo)
29. F-ino Angelet (Bruselo)
30. S-ro Lode Bos-Carey (Bruselo)
31. S-ro Van der Hecht (Bruselo)
32. S-ro De Waard (Rotterdam)
33. S-ino V-ino Petiau (Gento)
34. F-ino Jul. Nachtergaele (Gento)
35. S-ro R. Groverman (Gentbrugge)
36. S-ro S-ro Van Roye (Bruĝo)
37. S-ino Van Roye (Bruĝo)
38. S-ro Verplancke (Bruĝo)
39. S-ino Verplancke (Bruĝo)
40. S-ro Jules Bonge (La Louvière)
41. S-ro Roland Bonge (La Louvière)
42. S-ro Swinne (Bruselo).

al kiuj ni jam povus aldoni la membrojn de la LKK de Charleroi mem, sed iliajn nomojn ni citos ĉe la komenco de la dua listo, kiu aperos en nia sekvanta numero.

## PROGRAMO.

Ĉiu Kongresano ricevis beletan libro-programon, eldonitan ne de la L. K. K. sed de amiko de Esperanto, S-ro Briels. Se pro la urĝa kunmeto, ĝi enhavis kelkajn preserarojn, ĝi tamen estis tre interesa, ĉar, en ĝi, ĉio pri la Kongreso estis kunigata.

## IMPRESOJ.

Kiel ĉiu Kongreso, — dum kiu en du aŭ tri tagoj, oni volas montri multon al la kongresanoj —, tiu ĉi estis, unufoje pli, iom laciga. Tamen ĉio bone funkciis, dank' al ekzempla organizo.

* *

Ĉie la luitaj veturiloj estis akurate ĉe la indikita loko; ĉie por eniri aŭ partopreni, karteto estis necesa.

Nenie, okazis kiu ajn eĉ la plej malgranda incidento, kun iu aŭ alia instanco, interesita ĉe la kongreso.

La organizo de komunaj tagmanĝoj, — kaj kial oni ne farus eĉ intimajn tute malmultekostajn vespermanĝojn —, montriĝis kiel taŭga rimedo por pli intime interkonatigi multajn samideanojn el diversaj urboj.

* *

La okazigo de la festeno vespere montriĝis ankaŭ tre bona kaj la elekto de vere bela salono por ĝi ŝajnas nepre atentinda.

* *

La programo de la sabata festo estis vere alloga kaj inda... je dimanĉa festo.

* *

Nur la vetero... ne estis kun ni. Ni tamen pripensu ke la pluvo povus estis falanta, dum ni promenadis laŭlonge de la kanalo! Kaj ni ĝoju!

* *

La programo estis, — kaj ni esprimu la esperon ke tio estos ĉe ĉiuj kongresoj —, tiel kunmetita, ke je nenia momento la kongresanoj estis forlasataj al si mem kaj al siaj inklinoj. Por Kongreso, taŭgas la « direktata ekonomio »! La Antverpena LKK tion bone komprenis. Gratulojn.

(Frazoj el diversaj leteroj.)

# Nova Junulargastejo

## en kiu ni povas enigi Esperanton.

La pasintan someron oni malfermis apud mia urbo REIMS junulargastejon. Ĝi estas je 2 kilometroj de la urbo, kaj tute proksime de ĉefaj vojoj, kies tiu al Parizo. Ĝi estas tute nova, pura, kaj agrabla, kun ĝardeno, rivero, kaj tereno por tendi. La prezoj estas malaltaj, kaj la geestroj estas afablaj.

Kondukinte en tiun gastejôn jam kelkajn samideanojn el Nederlando kaj Danujo, mi altiris la atenton de la geestroj al Esperanto. La estro renkontis malfacilaĵojn akceptante kelkajn alilandulojn neesperantistajn, kaj konstatis ke mi povis paroli esperante kun alilanduloj. Li do principe decidis lerni Esperanton.

Ni devas instigi lin fari tion plej frue, ĉar li jam aŭdis pri Ido kaj Occidental. Estus necese pruvi al li ke Esperanto ekzistas. Mi pensis ke estus facile al vi sendi unu « ŝlosilon » de via lando. Tio pruvus al li ke Esperanto estas uzata. Tio estus utila al li por interrilati kun la neesperantistoj, kaj kontraŭvole por konigi al ili la utilecon de Esperanto.

Bonvolu sendi; mi antaŭe dankas vin.

Kaj, se vi vizitos Francujon okaze de la Pariza Ekspozicio aŭ okaze de turisma vojaĝo, haltu en la Gastejo, por la bono de Esperanto, kaj de... via monujo. Mi povos helpi al vi dum via pasado aŭ restado.

Bonvolu ankaŭ rekomendi la Gastejon eĉ al neesperantistoj kal al geanoj de iu ajn junulargasteja asocio. Ĉiuj estos kore akceptataj.

Jen la adreso de la Gastejo : Auberge de la Jeunesse « La Maison Bleue », Directeur : Mr. Cailloux, Route de Champigny, TINQUEUX/REIMS (Marne) Francujo.

Mia adreso estas: R. Chance, 3 Rue René Bourgeois, REIMS.

# BELGA KRONIKO

### POLAJ VESPEROJ.

**La 19-an de Junio okazos, en Antverpeno, la 21-an, en Bruselo, kaj la 22-an, en Bruĝo, polaj vesperoj, dum kiuj S-ro Grenkamp parolos pri la kongreslando Polujo.**

### GRUPA KALENDARO :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20.30-a h. (atentu la horŝanĝon).

Sabaton, la 5-an de Junio, vizito al la foiro. Kunveno kontraŭ la Juĝejo, je la 9a akurate.

La programojn de la aliaj sabatoj de la monato de Junio estos konigataj per cirkulero.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJOJ: Salonego de la Kooperativa Soc. EENDRACHT-UNION, enirejo kontraŭ la Aŭgustana Ponto. Kafejo « Vlissinghe », Bleekersstr., 2, R. des Blanchisseurs.

Mardon, la 1-an de Junio, « Vlissinghe »: a) Legado kaj klarigado B.E. (Prez.: S-ro Ch. Poupeye); b) Dikto « La Forĝisto » (Prez.: F-ino Y. Thooris).

Vendredon, la 4-an: en la « Haloj » Granda Placo: Solena Malfermo de la Komerca Foiro, en kiu la Bruĝa Grupo havos grandan standon kun ĉiuspecaj esperantaĵoj. — La samideanoj ne preterlasu viziti tiun interesan ekspozicion, kiu daŭros ĝis la 14-a de junio. — Enirkartoj je favorprezo de 1 Fr. haveblaj ĉe la membroj kaj ĉe F-ino Y. Thooris, Wijnzakstr. 4, r. de l'Outre, P.Ĉ.K. 3494.51.

Mardon, la 8-an: « E. U. B. » Kantvespero. (Gvidado: F-ino Boereboom; ĉe la piano: S-ino Poupeye aŭ S-ino Van Roye. — Prez. S-ro H. Van Roye.)

Mardon, la 15-an: « Vlissinghe » IEL-Vespero. (Prez.: F-ino Y. Thooris).

Mardon, la 22-an: « E.U.B. » Konkursoj. (Prez.: F-ino M. Vanden Berghe).

Mardon, la 29-an: « Vlissinghe »: Humoraĵoj. (Prez.: S-ro G. E. Guillaume).

N.B. — En okazo de bela vetero, kunveno povos esti anstataŭata per promenado.

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo : « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde je la 20.30-a horo.

GENTO — **Genta Grupo Esperantista.** — Kunvenejo en la lernejo Nova Strato Sankta Petro n-ro 45: ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

### GRUPAJ RAPORTOJ :

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — La raporto pri la lastaj okazintaĵoj resumiĝas en la preparo de la Kongreso.

Sabaton, la 22-an, vizitis la grupon S-ro Kempeneers kaj S-ro Hartmann, kiu altiris la atenton pri la Universala Kongreso de Varsovio. S-ro Vermuyten legis tre spritan poezian raporton pri la kongreso; S-ro Boffejon gratulis S-ron Jaumotte pro lia intensa laboro por kaj dum la Kongreso, kaj S-ro Kempeneers priparoligis diversajn demandojn de propagando.

# La XXVIa en Antverpeno

### LASTA LISTO DE KONGRESANOJ.

183 S-ro L. Douchamps (Bruselo)
184 F-ino J. Verbeke (Bruĝo)
185 S-ro A. Van Eenoo (Bruĝo)
186 F-ino C. Van de Walle (Yper)
187 S-ro N. Hoen ('s Hertogenbosch)
188 S-ro R. Latinne (Antverpeno)
189 S-ino M. Latinne (Antverpeno)
190 F-ino R. Angelet (Bruselo)
191 S-ino Steer (Antverpeno)
192 F-ino J. Steer (Antverpeno)
193 S-ro Mommaerts (Anzin, Fr.)
194 S-ino Mommaerts (Anzin)
195 F-ino M. Patin (Valenciennes)
196 F-ino Alice Vroome (Ostendo)
197 F-ino E. Vermeire (Ostendo)
198 S-ro Vajda (Roubaix)
199 S-ino Vajda (Roubaix)
200 S-ino J. Ginsburg (Antverpeno)
201 S-ro E. Lödör (Gento)
202 S-ro A. Lödör (Gento)
203 F-ino M. L. Bottin (Bruselo)
204 F-ino M. Mahieu (Bruĝo)
205 S-ro Cepelinski (Antverpeno)
206 F-ino Mad. Devos (Bruĝo)
207 S-ino E. van Vooren (Bruĝo)
208 S-ro G. Annys (Bruĝo)
209 F-ino J. Wijns (Antverpeno)
210 S-ro Max Bolsius (Antverpeno)
211 F-ino M. Eich (Gento)
212 F-ino Mad. Kernas (Gento)
213 S-ro Léon Ponthir (Jemeppe)
214 S-ino L. Ponthir (Jemeppe)
215 S-ro L. Ponthir, jr. (Jemeppe)
216 S-ino Bonge (La Louvière)
217 F-ino Marc. Bonge (La Louvière).
218 F-ino J. Schepens (Bruĝo).
219 S-ro M. Depont (Quiévrain)
220 S-ro Cl. Vande Velde (Gento)
221 S-ro Stroobandt (Bruĝo)
222 S-ro L. Lipschutz (Antverpeno)
223 F-ino E. Bayens (Gento)
224 S-ro Fr. Deman (Gento)
225 S-ro Maur. Wauters (Loveno)
226 F-ino C. Volckaert (Bruĝo)
227 F-ino O. De Jaegher (Bruĝo)
228 S-ro Maes (Bruselo)
229 S-ino Maes-Dubois (Bruselo)
230 F-ino A. Meyer (Denain, Fr.)
231 F-ino E. Rommens (Douchy, Fr.)
232 F-ino Edith Kraay (Den Haag, Ned.)
233 F-ino Antonia Kraay, (Den Haag)
234 S-ro Van der Hecht (Bruselo)
235 S-ro F. Charlet (Hautmont, Fr.)
236 S-ino Charlet (Hautmont)
237 S-ro Robert (Bruselo)
238 S-ro De Waard (Rotterdam)
239 S-ro Piette N. (Quiévrechain)
240 F-ino Wytinck (Gento)
241 S-ro Gebruers (Antverpeno)
242 S-ino Gebruers (Antverpeno)

**BRUĜO.** — « **Bruĝa Grupo Esperantista** », **Reĝa Societo.** — La 18-an de Aprilo okazis intima grupa festo en la salonego « Eendracht-Union ». Sepdeko da grupanoj kaj familianoj ĉeeestis. Laŭ programo oni havis la plezuron aŭdi S-ron G. Dotselaere en lia bela kantrepertuaro, laŭvice akompanatan ĉe la piano de S-ino Van Roye kaj de S-ino Stroobandt. F-ino M. de Vooght prezentis belajn dancnumerojn kaj F-ino Marie-Louise Roose aŭdigis sian belan talentan ĉe la piano. Fine la sprita teatraĵeto « La Salujo », tradukita de S-ro Léon Cogen, estis sukcese prezentata de Ges-roj Groothaert kaj F-ino Leibrand. Post dankvorto de la prezidantino, F-ino Thooris, al ĉiuj afablaj partoprenantoj, okazis komuna manĝeto sekvata de agrabla dancado ĝis noktmezo.

La 20-an, post la kutimaj komunikaĵoj, F-ino Thooris faris dikton, sekvatan de korektado, por la novaj membroj. La vespero finiĝis en gaja interbabilado.

La 27-an, S-ro Julien Roose, parolis pri « Komerco kaj... Komerco ». La parolanto esprimis sian propran vidpunkton pri tiu temo en ofte pikanta humora maniero. S-ro Van Roye, kiel prezidanto de la kunveno, dankis kaj gratulis la parolinton. Fine S-ro de Vooght gvidis provdancadon de « Esperantista Rondo ».

La 4-an de Majo, F-ino Thooris anstataŭis S-ron Poupeye malhelpatan, prezidante la legadon kaj klarigadon de B. E. — La kongresprogramo estis speciale priparolata. Por fini: plia provdancado de « Esperantista Rondo ».

La kunveno de la 11-a de Majo estis ĉefe dediĉata al la aranĝoj por la Antverpena kongreso, al kiu kvindeko da Bruĝaj samideanoj forvojaĝis sabaton 15-an aŭ dimanĉon 16-an de Majo.

**GENTA GRUPO ESPERANTISTA.** — La 10-an de Majo, la grupo okazigis sian unuan kunvenon en sia nove akirita ejo en la domo de la Genta Societo « Mélomanes » en la Savaenstrato.

Ni esperu ke tiu ago signifos stacion en la progresa vojo de nia grupo.

La prezidanto, S-ro Vande Velde, malfermis la kunvenon, donante raporton pri la ĝenerala kunveno en Bruselo.

Poste, S-ro E. Lödör memorigis la kunvenintojn pri tio, ke la 27-an de Aprilo estis unu jaro, ke S-ro Petiau forlasis la grupon. Por demonstracii sian rememoron, la ĉeestantoj restis silentaj dum unu minuto.

Dum la vespero, F-ino Vanden Nesse kaj S-ro Deman demontris refoje en la kadro de mallonga teatraĵeto, kiom ili povas sin meti en la staton de veraj geedzoj. La aplaŭdadon de la konscia publiko (kun iom da sinrespekto) la geaktoroj dankis tre efike per ofero de tortoj, restintoj dum la teatra manĝado.

Post trinkado de kafo, oferita de la prezidanto, S-ino De Rycke prezentis la opinion de anglo pri belgoj. Tiu opinio, iom severa, estigis viglan pritraktadon de la aŭskultintoj, ne sen protesto kontraŭ certaj asertoj.

## FAMILIA KRONIKO

**NEKROLOGO.**

Al S-ro Henri DELCLOO, fidela membro de la Bruĝa Grupo, pro la morto de lia patro Alphonse Delcloo (22-4-37).

**GRATULOJ.**

— Al Ges-roj Jef DECOSTER-VERHELST, gemembroj de la Bruĝa Grupo, nun loĝantaj en St-Lambrechts-Woluwe, pro la naskiĝo de fileto: Roland (16-4-37).

— Al Ges-roj LYCKE-DUYVETTERS, ambaŭ membroj de la « Genta Grupo Esperantista » pro ilia geedziĝo.

## La Konferenco de Parizo

En nia sekvanta numero ni detale raportos pri la Konferenco de Parizo, kiu bonege sukcesis.

S-ro Jullien, la sub-ministro por la Teknika Instruado, prezidis mem la solenan malferman kunsidon. Li estis ĉirkaŭata de multnombraj reprezentantoj oficialaj de fremdaj registaroj, kaj de la membroj de la organiza komitato, gvidataj de S-ro Baudet.

Kvincent konferencanoj partoprenis la laborojn.

### Prokrastita

Tiu ĉi numero de « Belga Esperantisto » estas preskaŭ ekskluzive dediĉata al la raporto de la Kongreso kaj al la grupa vivo.

Diversaj artikoloj (tradukoj, poezioj, bibliografio, k.c.) devis esti prokastataj ĝis la sekvanta numero en kiu ili certe trovos lokon.



### INTERNACIA ESPERANTO-LIGO

### KOTIZOJ 1937

| | | | |
|---|---|---|---|
| MAH | Fr. 130.00 | MS | Fr. 200.00 |
| MJ | Fr. 22.00 | MA | Fr. 50.00 |

Patrono Fr. 750.00.

MEMBRO KUN JARLIBRO (MJ) ricevas membro-karton, servokuponaron kaj la Jarlibron.

MEMBRO-ABONANTO (MA) ricevas membro-karton, servokuponaron, la Jarlibron, kaj la monatan oficialan gazeton dum la jaro.

MEMBRO-ABONANTO-HEROLDO (MAH) ricevas membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron, kaj la semajnan gazeton « Heroldo de Esperanto » dum la jaro.

MEMBRO-SUBTENANTO (MS) ricevas membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron, kaj la monatan oficialan gazeton; krom tio li rajtas ricevi premion.

**Noto:** la oficialaj gazetoj estas « Esperanto Internacia » monate, kaj « Heroldo de Esperanto » semajne.

**PAGU VIAN KOTIZON AL :**

Via grupo aŭ al R.B.L.E. kune kun la kotizo, kiu por la Ligo estas Fr. 35,—

Leterojn direktu al la Teritoria Sekretario S-ro Van den Bossche, Willemsstr. 21, Antverpeno.

**ESTRARO DE „ BELGA LIGO ESPERANTISTA "**

**Prezidanto:** D-ro Paul Kempeneers 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel.: 44.53.00.)
**Vicprezidantino:** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel.: 320.86.)
**Vicprezidanto:** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel.: 777.58.)
**Sekretarioj:** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.
S-ro R. Dechesne, 38, Rue de la Meuse, Sclessin.
S-ro Swinne, 77, Rue Nieuwenhove, Uccle.
**Kasisto:** S-ro André Tassin, 1, rue St Joseph, La Louvière.

**Por pagoj de kotizoj, nancoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337 67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
provizore al la privata P.Ĉ.K. 4109.91 de S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto:**
P.Ĉ.K. 1698.58, Antverpeno (Willemsstr. 21).



Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.